XXXIV-a Jaro — N-ro 471 (17) — 15/31 Decembro 1938


# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio


# 1938 Jarfinaj pensoj — Jarkomencaj deziroj 1939

Fino de l' jaro ! Firma punkto en la tagoj senhalte kurantaj. Momento por mediti pri tio, kion la vivo alportis kaj fari bilancon.

La sep jaroj de mizero kiuj komencis en 1932 pasis. Sed ne pasis la mizero. En 1932 multon oni atendis de la hodiaŭ entute forgesita konferenco por « limigi la armigadon ».

De 1933 ĝis 1938 estas por tiel diri la konstantecigo de l' kaoso interŝtata kaj interhoma. Rompoj de solene faritaj promesoj, forlaso de princip-fideleco kaj pravigo de l' maljusteco estas ĝiaj signoj. En la vivo de l' nacioj kiel en la vivo de l' homoj, praktikiĝas la metodoj de l' *Gangster' oj !*

Tiel prezentiĝas al ni la mondo je la fino 1938 ; certe ne agrabla vidaĵo.

Kiel tio influas nian movadon ? Unue ni konstatu, komparante kun aliaj movadoj tutmondaj, ke la nia sufiĉe bone eltenis. Kiu havas okazon senti la pulsadon de l' internacia vivo, tiu konstatas la malrapidan sed senhaltan disfalon, nacieciĝon aŭ pereon de multaj interesaj klopodadoj. La foresto de plej gravaj landoj, en la korpo de l'internacia vivo nature kondukas al kadukiĝo. Ĉu tio pravigas nun, rezignacie ekhalti en la penado, fermi kiel interesan libron la tuton kaj forgesi ĉion, same kiel legitaĵon ? La respondo ja estas simpla : Nia idealo de intergenta kaj interhoma paco kaj konkordo estas eterna postulo. Ĝi premisas spiritan bazon preparitan. Paco bazita sur evidenta maljusteco, kaj sur malrespekto de moralaj faktoroj kondukas neeviteble al eternigo de konfliktoj.

Kion ni nun spertas estas je granda parto ŝuldata al malrespekto de solene deklaritaj sindevigoj en jaroj 1918-1919. Kaj ĉio, kio okazis 20 jarojn poste nur konfirmas la diraĵon de l' poeto :

*Tio estas la malben' de l' ag' mal- [bona*
*Ke ĝi, generigante daŭre, naskigos [nur malbonon !*

Konklude : Spite la ekstermo de nia movado, aŭ de l' ideo de l'intergenta kunlaborado en multaj landoj, gravaj por ni, nia ideo

*ne pereos !*

Apartenas al la landoj liberaj la laŭdinda tasko, konservi sub cindro la flamon de l' ideo. *Konvinko* pri la utileco de l' ideo de internacia lingvo, *kredo* je la eterna valoro de ĉiu klopodado por paco tutho mara, donu la *kuraĝon* por nova krea laboro !

Kaj kion ni deziru por 1939 ?

Ĉefa nia deziro kiel esperantisto kaj homarano estu, ke la nuna minaco je armita konflikto ne fariĝu katastrofo ; kiel kaj kia maniere eviti la ekstremon, tion ja neniu scias. Alia deziro (ĉu ankaŭ nur tia ?) estas ke la jaro 1939 metu finon je disiĝo kaj konflikto intern-esperantistaj, kiuj elĉerpas entuziasmon kaj forton. Ĉu la decidantaj povoj konsciencigas pri ilia respondeco, montros al ni la estonto.

H. J.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Sinjoro Patrice de Riencourt*, natursciencisto, botanisto kaj entomologo, Château de Charmont, Departemento Aube, Francujo.

Per revenanta gazetsendaĵo kun indiko « mortinta » ni ekscias la morton de tiu ĉi eminenta homo, bona Esperantisto kaj longjara amiko de UEA. Antaŭ du jaroj okaze de scienca vojaĝo, Sinjoro de Riencourt vizitis Ĝenevon kaj faris eserĉojn en la Botanika Instituto kun la eks-direktoro de UEA, Hans Jakob.

Sinjoro de Riencourt veturis en aŭtomobilo speciale aranĝita per esplor-vojaĝo, instalita kun instrumentoj aparatoj per natursciencaj laboroj kun aldona veturilo, entute vera « tanko de l' scienco », ĉie observita kun surprize.

En liaj multaj sciencaj verkoj li rilatis kie montriĝis okazo al internacia lingvo, kiu por li estis nur Esperanto, kiun li flue parolis.

*Sinjoro D-ro Vilhelmo Julio Zempléni* (Vilmos Gyula) en Debrecen, Hungarlando. Eminenta samideano, idealisma kunbatalanto, eks-membro de UEA 28779. Lia modela sinteno en la movado kaj oferemo restos imitinda ekzemplo por tiuj, kiuj vidas ne sole modernan rimedon en Esperanto, sed ankaŭ homan idealan kulturceladon por paco kaj homamo. La eminenta ĉefkuracisto, privatdocento havis nur 51 jarojn, kaj lian malaperon el la socia vivo ne sole ni, esperantistoj, sentas, sed ankaŭ tiuj sociaj medioj, en kiuj li havis grandan simpation pro lia, ĉiam aktive homama agado.

*(Laŭ Hungara Heroldo)*

*Sinjore Emil Krempler*, Ano 5303 eks-delegito de UEA en Sebnitz, Saksujo.

Subite forpasis nia maljuna kaj malnova Sinjoro Krempler amiko de UEA de ĝia fondo kaj post la malpermeso de l' esp. organizo, regula abonanto de la gazeto ESPERANTO : Li multe klopodis pere de nia organizo vendi al eksterlando la specialecon industrian de tiu ĉi regiono : artefaritaj floroj. Ĉeestis kelkajn kongresojn kaj spite lia aĝo restis fidela al la juneca amo.

Forpasis Gesinjoroj Friedrich Jakob, gepatroj de Hans Jakob, Administranto de UEA, Novembro-Decembro 1938.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-10

### Statistiko

| | |
|---|---|
| Nombro da lokoj kun D.... je la 15.10.1938. | 450 |
| Lokoj sen Delegitoj ....... | —6 |
| | 454 |
| Novaj lokoj laŭ nuna listo | 16 |
| Stato 15 Decembro 1938 .... | 470 |

## Novaj Delegitoj

*Gorna-Ĝumaja* (Bulgarujo) *D.* : Georgi MARKOV, ledisto.
*Grenoble* (Francujo, Isère) *D.*: Augustin PLOUSSU, vestkomercisto, 6, rue Lafayette.
*Guebwiller* (Francujo — Haut-Rhin) *D.* : Henri GERTHOFFERT, oficisto, rue de Reims, 5.
*Hongkong* (Ĉinujo) *D.* : LJU Ning., jurnalisto, 20 Fuk Wah Street, 3rd floor, Shamshuipoo.
*Kupiŝkis* (Litovujo) *D.* : Juozas PETRULIS, librotenisto, Kooperatyvas.
*Maur* (Svislando—Zürich) *D.*: Walter GIANNINI, kamplaboristo, Hubrain.
*Mulhouse* (Francujo — Haut-Rhin) *D.* : Fernand BUECHER, kontisto, rue de Guebwiller 15 — *VD.* : Charles SCHULER, metiisto, rue d'Illzach 123.
*Nové Mesto nad Váhom* (Ĉeĥoslovakio — Slovakio) *D.* : Ladislav BLECHA, fervoja oficisto.
*Paris*-13 (Francujo) *D.* : S-ino Marthe JUILLARD-PEGURIER, profesorino, 129, Boulevard Masséna.
*Radviliŝkis* (Litovujo) *D.* : D-ro Chaimas TOKERIS, kuracisto, Jankaus g-vé N° 3.
*Rhoon* (Nederlando — Zuid-Holland) *D.* : A. J. MIDDAG, instruisto.
*Sceaux* (Francujo — Seine) *D.* : Georges MARTZLOFF, profesoro de matematiko, 8, rue Bertron.
*Ŝumen* (Bulgarujo) *D.* : Atanas LAKOV, agronomo, Zavod « Kabijuk ».
*Troyes* (Francujo — Aube) *D.* : A. GEORGET, Contrôleur des Postes (Poŝtkontrolisto). 16, rue Roger Salengro.
*Udine* (Italujo) Giovanni Della SAVIA, komerc-oficisto, Via della Valle 12.
*Yangambi* (Kongo Belga — Stanleyville) *D.* : Pastro L. A. MARREVEE, Mission Catholique.
*Youngstown* (Usono — Ohio) *D.* : Robert E. WENTZ, Post Office Box 555.

### Lokoj sen Delegitoj

*Giessendam* (Nederlando) *D.* : translokiĝis al RHOON.
*Panga* (Kongo Belga) *D.* : translokiĝis al YANGAMBI.
*Parkan* (Ĉeĥoslovakio) *D.* : translokiĝis al Nové Mesto.
*Sharon* (Usono) *D.* : translokiĝis al YOUNGSTOWN.
*Vichy* (Francujo) *D.* : forvojaĝis.
*Zagare* (Litovujo) *D.* : translokiĝis al KUPIŜKIS.

### Ŝanĝoj

*Genève* (Svislando) *D.* : Paul BOUVIER, Avenue Dumas 13 (adres-ŝanĝo).
*Leeuwarden* (Nederlando — Frisland) *D.* : Ij. van der SCHAAFF, Tjerk Hiddesstraat 28 (adres-ŝanĝo).
*Wlochy* (Polujo — Warszawa) *D.* : D-ro Antoni CZUBRYNSKI, Zachodnia 10 (adres-ŝanĝo).

### Bela donaco

Malnova vero estas, ke UEA ne povas ekzisti el kotizoj, despli ke la Asocio konsentas favorprezojn en landoj kun malalta valuto.

Membroj kiuj deziras kaj povas helpi al la Asocio per donaco estas kore invitataj al tiu nobla faro. La vicon de tiaj bonvoluloj malfermis fidela membro de la asocio kiu ne deziras, ke la nomo estu konatigita, per donaco de

*Kvincent Frankoj sv.*

kion ni akceptis kun sincera danko. Ni pensas utile represi la leteron kiu akompanis tiun ĉi belan donacon:

*Ĉar morgaŭ estas la speciala Zamenhofa tago, mi intencas, kvankam mi jam aĉetis kelkajn librojn, festi la daton per speciala donaco en la formo de enmetita ĉeko je 500 fr. sv. Kiel mi aŭdis de nia ĉefdelegito la Asocio bone scias uzi la monon nuntempe, do jen mia parto por la nuna jaro, kiu ja ne estis ĉiam profitdona por mi. Sed tamen iom mi ja povis apartigi por UEA. Ĝi floru kaj kresku. Kun ĉiaj bondeziroj por la venonta jaro, same por la Asocio kiel por vi persone,*

### Rumana poŝtĉeko

Ni informas la membrojn en Rumanio ke de nun oni pagu al UEA per la poŝtĉeka konto sub jena adreso : H. Harabagiu, Delegatul Asociatiei Universale de Esperanto (UEA) Geneva, Bucureŝti II — Str. Maria Hagi Mosco 31 Konto-n-ro 11.308.

### Itala ĉefdelegito

Sekve de personaj cirkonstancoj, Sinjoro Corrado Cerri, ĉefdelegito itala, demetis sian funkcion.

Ni dankas lin tie-ĉi pro montrita bonvolo, kunhelpi al la restarigo de UEA.

La abonantoj de ESPERANTO kaj la membroj de UEA povas pagi denove, ĉu rekte per poŝtmandato, ĉu per la poŝtĉeka konto de UEA en Milano 3-327.

### Novjara deziro

Okaze de l' Nova Jaro, Komitato kaj Centra Oficejo de UEA sendas al ĉiuj amikoj, kunlaborantoj kaj membroj de UEA sincerajn bondezirojn.


# Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# La juda problemo kaj ĝia ebla solvo

Je ĉiuj epokoj, sub ĉiuj reĝimoj, grandaj sociaj krizoj erarigis la homojn. Kaj terurigite de fortoj nekonataj, la popoloj serĉis kulpulon. La esprimo « *propeka kapro* » enirinta ĉiujn lingvojn devenas el pasinta kutimo juda, simbole ŝarĝi beston per la publikaj pekoj kaj per ofero de l' besto neniigi la pekojn.

Stranga koincido, ke la judaro servis kiel « *propoka kapro* » aŭ kulpulo ĉie, ĉiel, ĉiam.

La kontraŭjudeco aŭ antisemitismo estas la esprimo de tiu-ĉi homa eco, puni iun pro (ofte) propraj pekoj. De la unuaj persekutoj de kristanoj, en Romo, (tute ĝuste konsideritaj kiel juda sekto), al la bruligoj mezepokaj, la pogromoj en cara Ruslando ĝis la moderna rasa antisemitismo estas unu linio de sama erarvojo. Sed nenie kaj neniam la kontraŭjudeco estis tiom metode organizita kiel nun en la Tria Regno.

Tiu ĉi germana branĉo de l'antisemitismo, radikas en estinta Aŭstrio. De sama deveno estas ankaŭ la eldiro « *la antisemitismo estas la socialismo de l' malsaĝuloj* » dirajo de l' fama urbestro de Vieno, Karl Lueger, arda antisemito.

Ne por difini tiun ĉi socian malsanon, servu ĉi tiuj linioj, sed por faciligi la komprenon de problemo, plej grava en la nuna tempo.

La alveno de l' nacisocialismo en Germanujo donis al la antisemitismo oficialan karakteron. La okazaj kvereloj kontraŭjudaj cedis lokon al leĝe fiksita sinteno, kies fina celo estas la kompleta ekstermo de ĉio juda en Germanujo ĉie kaj por ĉiam. Kaj kun germana ĝisfundeco (la fama « Gründlichkeit ») tiu ĉi volo estas transformata en agoj. Hodiaŭ post la okazintajoj dum Novembro pasinta, la judo vivanta en Germanujo estas laŭlitere kondamnata *perei*.

Kaj tie ĉi komenciĝas la problemo por la cetera mondo. Je miloj provas la kompatindaj homoj saviĝi kaj enmigri najbarajn landojn. Senmone kaj senespere ili fariĝas konstanta zorgo kaj ŝarĝo por ĉiuj eŭropaj landoj, kiuj por protekti proprajn civitanojn, limigis la rajton de restado aŭ rifuzas akcepti tiajn ekzilitojn. Kruela procedo kiu kontentigas neniun. La devo reguligi tiun ĉi migradon en grandstila maniero sin trudas. Multaj jam estas la proponoj, sed ĉiuj bazas sur la premiso, ke unu sola regno, prefere Usono estu la portanto de l' ŝarĝo. Tiu ĉi vojo ne estas irebla. Ĉiuj ja konsentas, ke oni trovu solvon, kaj preskaŭ ĉiuj atendas *de l' alia*, ke li portu la koston.

Alia propono : loĝigi la homojn en kolonion, iam germanan ; plia, ke iu brita kolonio evoluebla, servu por tiu ĉi celo. Kristaliĝas el ĉio nur tiu ĉi negativa konstato, ke en Eŭropo mem, ne estas loko por centmiloj da homoj diversklasaj, diversmensaj kaj aktivaj. Enmigro de popolero tiom nombra sekvigus sociajn perturbojn ĉie. Estas do en la propra intereso de l' mondo, trovi solvon kiu ligas humanecon kun praktika sento.

*

La solvo povos esti nur en tio, ke kolonia potenco disponigas la teron. Devas esti trovota aranĝo kun Germanujo, por permesi transigon de l'juda havajo post la laŭleĝa depreno (garantioj, punoj, impostoj) sub formo de maŝinoj kaj materialoj al la nova hejmlando juda. La traktadoj devus esti farataj de la ĉefaj grandaj landoj. Britujo, Francujo kaj Usono.

Kaj fine la Ligo de Nacioj, per speciala sekcio, organizus la starigon de juda hejmlando per internacia prunto, dividita laŭproporcie inter la membroj, kiel tio okazis por la financa helpo al eŭropaj landoj. La prunto kun ŝtata garantio, servu nur por starigi tiun ĉi hejmlandon judan; ĝi estus kvazaŭ la fonda kapitalo de l'nova juda ŝtato.

Tiu ĉi propono postulas plenumon laŭ proceduj sen ekzemploj ĝis nun. Por la komenco de l'enmigrado estas konsidereblaj nur junaj kaj labor kapablaj personoj, pretaj por penado pionira. La ekzemplo de Palestino ja pruvas, ke la judoj kapablas je tio.

Supozante nombron de 500.000 homoj por unuaj tri jaroj, el Germanujo, Italujo, Hungarlando kaj Polujo, kio respondus al 160 000 familioj, oni posedas jam kalkulbazon.

Supozante, (nur por servi kiel kalkulbazo) la koston de unu familia hejmo kun grundo de 250 £ oni atingus sumon de 40 milionoj da £ St.

La baza cifero de 250 £ St. por farma bieno estas prenita de l' koloniigado de l' Itala Libio. Ĝi entenas domon kun necesaj dependajoj, ilaro plus certa kvanto de ĉefaj nutrajoj por la unua tempo.

Sed tio ne estas ĉio ! Oni devas antaŭvidi certan transiran tempon ĝis unuaj rikoltoj. Kaj nutri la homojn. Kaj tie troviĝas ebleco por aro da landoj efike partopreni humanan verkon, farante eĉ modestan profiton kaj ne detruante grenon, kafon kaj aliajn nutrajojn akumulitajn. La partopreno mona de tia ŝtato en la granda prunto revenus per disvendo de ĉi-tiuj bezonajoj.

Nutri 500.000 homojn dum unu jaro signifus koston de 10 milionoj da £. St. Oni do devus antaŭvidi kapitalon de 50 milionoj da £. St. Giganta sumo certe ; sed la financaj rimedoj de la ŝtatmembroj en la Ligo de Nacioj kiel la privata posedajo en tiuj landoj, estas tiom grandaj, ke por honesta konstrua laboro eĉ pli granda sumo devus kolektiĝi.

Ĉefa postulo : Helpi ne per belaj vortoj, sed per krea ideo, inda de l' ĉionkapabla homo de l' 20-a jarcento.

La nuna skizo ne elĉerpas la demandon ; ĝi ne atentas la jam faritan provon krei judan ŝtaton en Soveta Unio ; ĝi ne okupiĝas pri la helpo al ĉi-tiuj judoj, kiuj ne povos transformiĝi en kolonistoj ; ĝi ne tuŝas la ampleksón de l' formigrado, ĉar la ĉasado kontraŭjuda disvastiĝas ankaŭ en landoj neatingitaj de tiu-ĉi febro.

Ni malfermas diskutadon pri la problemo kun la celo informi. Bonvolaj homaranoj komuniku viajn pensojn kaj proponojn. Kaj memoru :

*Nobla estu la homo*
*Helpema kaj bona.*

G. AGRICOLA.

# Foliumante novajn verkojn

**La Retoromanĉoj,** de Peider Lansel, tradukis Georgo Agricola, eldono de Universala Esperanto Asocio, Ĝenevo, 1938.

La dudek-paĝa broŝuro estas la represo de artikolo aperinta en la n-oj 456-461 de « Esperanto ». La verko estas fervora pledo por la romanĉa lingvo, parolata depost multaj jarcentoj en diversaj valoj de la svisa kantono Grizono. La 20-an de Februaro 1938, en tutsvisa balotado, la romanĉa estis rekonita kvara oficiala lingvo de la lando. — La aŭtoro de ĉi tiu broŝuro, Peider Lansel, estas fame konata verkisto kaj poeto, kiu dum pli ol tri jardekoj dediĉis sin al la literatura evoluo de sia gepatra lingvo, la retoromanĉa. (**Retio,** malnova nomo de Grizono.) Interalie li verkis poemojn, engadinan antologion kaj multe da aliaj verketoj. En nia verko, kiu jam aperis en romanĉa, germana, angla kaj franca lingvoj, Lansel klare pruvas, ke la romanĉa devenas rekte de la latina lingvo, sed neniel estas, kiel oni ofte asertas, dialekto de la nuna itala lingvo. — Por ĉiu lingvoamanto la broŝuro estas altgrade interesa, kaj ni tre deziras, ke en nova eldono aro da stilaj kaj gramatikaj mankoj estos evititaj .

**Al la Junuloj kaj Biografio,** de Petro Kropotkin, eldono de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), Parizo 1938.

La broŝuro konsistas el du partoj. La unua duono entenas interesan biografion de Petro Kropotkin, verkitan de M. Orseti. Tiu ĉi parto legiĝas kiel romano kaj vigle priskribas la kalejdoskopajn travivajojn de la rusa socialisto kaj revoluciulo. La dua parto enhavas alvokon de Kropotkin « Al la Junuloj », el kiu, por karakterizi la pensmanieron de la aŭtoro, ni citu nur la jenan frazon : « Mi same supozas, ke vi (la junuloj) liberigis vian spiriton de la superstiĉoj, kiujn oni klopodis inokuli al vi ; vi ne timas la diablon kaj vi ne iras aŭskulti la deklamadon de la pastroj ». — Kiel ĉiuj eldonajoj se SAT, tiu ĉi estas stile ne riproĉinda kaj la traduko estas efektive modela.

**Skizo de Ekonomia Geografio,** verkita de J.-F. Horrabin, Esperanta traduko de B. Ross. Kun 26 geografiaj kartoj kaj 5 tabeloj. Eldono de Sennacieca Asocio Tutmonda, Parizo 1938.

Entute tre lerta kaj sagaca skizo pri la ekonomia historio kaj geografio. En la antaŭparolo la aŭtoro mem skribas : « Mi fieras, havi la okazon, skribi antaŭ parolon al la Esperanta eldono, la naŭa (laŭ mia scio ) traduko de tiu verko en « fremdan » lingvon depost ĝia originala publikigo en la angla lingvo, en 1923. Mi esperas, ke la progreso de Esperanto estos tiom rapida, ke ĉi tiu traduko baldaŭ malnecesigos ĉiujn aliajn. »

Estas bedaŭrinde, ke la verkisto prijuĝas la mondan evoluadon ekskluzive el la materialista vidpunkto kaj absolute malatentas la spiritajn faktorojn, kiuj tamen, en ĉiuj epokoj de la historio kaj en konstante progresa maniero, pozitive influadis kaj stimulis, eĉ en la pure ekonomia kampo, la civilizacion kaj la kulturon de la homaro. Historio kaj geografio estas nur la eksteraj elementoj en la evoluado, kaj ĉiu serioza verkisto nepre devas ankaŭ kalkuli kun la moralaj fortoj, se li volas esti senpartia.

La traduko de B. Ross efikas kiel originalo kaj estas taŭga kaj klara. Bedaŭrinde ĝi abundas je novaj vortoj, el kiuj la plejmulto estas nenecesa, ekzemple : mapo, strebi, implice, strikte, adekvata, akumuli, popolacio, debuto, erao, pivoti, kabo, defii, procezo, aboli (?), ratifi, kc. — Sur paĝo 46 ni konstatis geografian eraron : Vasco de Gama atingis Hindujon ne en Kalkuto, ĉe la okcidenta (?) marbordo, sed en Kalikuto. (Malabar).

J. Sd.

# ■ Ŝako ■

Redaktoro : Frant. Hájek, Premyslovo nábr. 396, Praha-Nusle, Ĉ. S. R.

**N-ro 5. Jozefo Paluzie Lucena, Barcelono 1893.**



Blanko matas per la 3-a movo

Ĉi tiu problemo estas la unua verko, per kiu eniris Paluzie la ŝakan literaturon. Komencante antaŭ 45 jaroj evoluis mondskale sian delikatan arton sed samtempe li ekkonis la mankojn, per kiuj suferas ĉi tiu arto laŭ la lingva vidpunkto. Idealisme li volis helpi kaj kunmetis sian unuan kolekton da propraj ŝakproblemoj en esperanto en la jaro 1909. Tiam komencis nia propra esp.-ŝakludista vivo.

**Solvo de n-ro 4** : 1. Ke4 d4 2. Df8 T × K 3. D c8m. 1. — e7 movas 2. Df3 Te3 3. Kb 7 m. 1. — Ĉd3 2. D × d3 K × a3 3. D × c4m.

La gazeto **Schackvärlden** startigis jam la unuan grupon da samideanoj-ŝakistoj en la korespondа turniro. Oni invitas por la dua grupo. Skribu al Torsten Lindberg, Prässebo, Svedujo.

### Pri la peono

En la tempo de la irana poeziverkisto Firdusi, kiu postlasis al ni skribitan raporton pri la ŝakludo, oni uzadis por la plej malpotenca figuro ŝakluda en la sanskrita lingvo la terminon « pada ». Ĉi tiu vorto ŝanĝiĝis fonetike dum sia migrado tra la mondo kaj tra la jarcentoj. En la lingvo irana ĝi sonis : padeh aŭ pijade, araba : beidak, turka : bejdakler, greka : podis, latina : pedis - pedones, franca : piéton, péon, nuntempe pions, hispana : peones, itala : pedoni, pedina, angla : poun, pawns. Eĉ la germana eldono de Selenus el la jaro 1616 parolas pri la « pedina oder Bauer ». La ŝakludo venis Eŭropon el Azio sur du vojoj. Surmare al la romanaj landoj kaj surtere tra Rusujo. La suda vojo estis laŭlingve influita per la araba kaj la norda, la slava, per la irana elemento. La esprimara trajto ankaŭ diferencis, sed rilate la peonon la ambaŭ vojoj estis sufiĉe konservemaj, la Slavoj uzadis : pjeŝka, pjeŝec, piŝek. Ni esp-istoj aplikas de ĉiam laŭradike la plej internacian formon Oni konsilis uzi helpe la esprimon « soldato », kion provis foje ankaŭ D-ro Zamenhof, sed ĉi opinio restis fremda al la ŝakludista mondo. Instrue diras la franca verko « Le plaisant jeu des eschecz (Paris 1560) : « Les Pions sont soldats à pié ».

# Epigramo

*Voltaire.*

*Iris Jan, Freron, valfundon ;*
*De serpent' ricevis vundon.*
*Miru pri la posta sorto :*
*La serpenton trafis morto !*

(*El la franca : G. S.*)

(Noto : Freron', franca literaturisto, ial malamikiĝis kun Volter', kiu lin persekutis per malicaj mokoj.)

# La krokodilkomisaro

de Eŭgeno K. ILJIN.

Unu el la plej interesaj okazintajoj en la granda revolucio rusa prezentas sendube la anekdoto pri la krokodilkomisaro Ivano Aleksejeviĉo Panin. Ĉi tiu historio estas des pli mirinda, ke la afero okazis en urbo, kiu jam en pacaj tempoj estis ofte la scenejo de revoluciaj maltrankviloj.

Panin estis nobelulo, sed de grandanima pensmaniero, kiun oni en pacaj tempoj konsideris per prinomo « liberala ». Kaj ĉi tio sufiĉis ankaŭ en la nobelaj rondoj stampi lin nihilisto. Li estis bonega juristo, historiisto, literaturisto kaj same brile kvalifikata muzikisto. La multaj kontraŭajoj, kun kiuj li — la laŭdira nihilisto — bezonis lukti, decidis lin forlasi sian oficistan karieron, kiu certe estus kondukinta lin al alta pozicio en Sankt-Petroburgo. Li retiriĝis en provincan urbon, kie li sole dediĉis sin al la scienco. Dehejme finance bonstata, li estis kapabla aranĝi sian vivon laŭ siaj volo kaj aspiro. Lia domo estiĝis dum paso de jaroj kvazaŭ muzeo. Ampleksa biblioteko kun multaj altvaloraj originalmanuskriptoj estis ne malpli lia fiero ol liaj Haydn-vesperoj, kiuj ofte kunigis en lia domo multajn artistojn el la urboj de la ĉirkaŭajo.

Grandan intereson pri liaj amatajoj ŝajnis cetere havi la multnombraj enloĝantoj de lia zoologia ĝardeno, kiun li estis kreinta en la granda parko de sia bieno. Malofta] afrikaj kaj aziaj birdoj, ĉimpanzoj, serpentoj, fokoj kaj speciale krokodilo estis ofte la publiko, sur kiun Panin elprovis la efikon de siaj diversaj instrumentoj.

Estis vere mirinde, kiel diversmaniere la bestoj kondutis, kiam li koncertis por ili. La birdoj svingiĝis en siaj kaĝoj kvazaŭ takte; la simioj aŭskultis kaj alprenis preskaŭ homsimilajn vizaĝojn; la fokoj kaj la krokodilo metis la kapon sur la ŝtonan borderon de la baseno kaj restis senmovaj tiel longe kiel ilia mastro ludis.

Se Panin venis al sia zoologia ĝardeno, leviĝis tuj multvoĉa blekado, grakado, murmurado. Eĉ la krokodilo malfermis larĝe la buŝegon kaj eljetis obtuzan grunton de saluto, kia manifestis en emocia maniero ĝian amon al ĝia mastro. La krokodilo estis nomata Jambo. Ĝi estis unu metron kaj 50 cm. longa kaj estis prizorgita de Panin depost ĝia infaneco. Komercisto el Odeso estis skribinta al li siatempe, ke krokodilpatrino pereis kaj postlasis unu malgrandan krokodilorfon. Ĉi tio estis sufiĉa kaŭzo por Panin vojaĝi al Odeso kaj zorgi pri la sengepatra infaneto.

Jambo rekompencis Paninan prizorgon per emocia dediĉemo al li, kiu inter alio evidentiĝis ankaŭ en tio, ke ĝi ne akceptis iun furaĝon de alia krom li. Ĉi tio formis ĉiam fonton de zorgoj por Panin, kiu estis devigita fari grandajn vojaĝojn kiel esploristo tra rusaj teritorioj. Tiel longe kiel li forestis, tiel longe Jambo malsatiĝis kaj eĉ ne alprenis nutrajon, se ties foresto daŭris plurajn monatojn. Ankaŭ per muziko Jambon oni malsukcesis trompi. Ĝi restis kuŝita en la baseno, ne moviĝis kiel alie, kiam kelkaj sonoj sufiĉis por allogi ĝin el la akvo. Apatie kaj obstine ĝi rigardadis antaŭ si. Oni povus kredi, ke ĝi havus tian delikatan orelon, ke ĝi ebligis distingi ĉu Panin ludis aŭ alia.

Jambo estis absolute la plej fidela inter ĉiuj enloĝantoj de la malgranda « Zoo ». Ĉiuj aliaj dediĉis ilian simpation post pli aŭ malpli mallonga tempo al servisto Stefano, kiu prenis sur sin zorgi pri la bestoj dum la foresto de sia sinjoro.

Panin estis jam forestanta depost monatoj. Estis tre frue; la suno estis nur jus leviĝinta. Oni sentis kiel birdoj, serpentoj kaj simioj kaj alia faŭno ĝojis pri la rapide je horizonto aperanta suno. Ili blekis, grakadis, murmuradis. La papago blekis: « Vanjo! Vanjo! » (Tio estis Panina antaŭnomo Ivano). Sed ĝi blekis ĝin sen pensi pri io, manĝis el la furaĝo, kiun Stefano al ĝi donis, jus tiom avide kaj rapide kiel la aliaj bestoj. Stefano, la servisto, montris la krokodilon.

« Rigardu tien, Eŭgeno Konstantinoviĉo, rigardu al Jambo! »

Mi rigardis en la direkton de Jambo, vidis ke ĉi tiu antaŭenpuŝiĝis malmulte el la akvo, tiel ke ĝia kapo elmontriĝis. Mi rimarkis ke Jambo streĉe rigardis al la pordeto, tra kiu ĉiam je frua mateno kutime Panin alvenis; tiam Jambo turnis sian rigardon al la aliaj bestoj kun esprimo, kiu pozitive enhavis ion malestimeman, kvazaŭ li volus diri: « Kia maldankema kanajlo vi estas ververe!» Ĝi tiam furioze spiregis unu fojon kaj ree subakviĝis.

Evidentiĝis ke la malsatadulaj agoj estis tute bona disciplino, ĉar kiam la milito venis kaj la nutrajoj fariĝis malabundaj, Jambo estis tiu, kiu inter la enloĝantoj de la malgranda bestoparko estis plej facile kontentigita per la pli-malgrandigitaj porcioj. Tio progresis tiamaniere, ke la speco de furaĝo tute ne gravis plu por ĝi. Dum la aliaj — la papagoj, simioj, serpentoj — rifuzis ĉiun surogatan nutrajon, Jambo estis eĉ kontenta kun seka pano, se nur estis Panin, kiu donis ĝin al ĝi.

Ĉu estus Panin revinta por' si mem tiam, kiam li adoptis la malgrandan krokodilon en Odeso, ke Jambo unutage savus lian vivon?

La revolucio altrudis sin.

Komence Panin restis netuŝita, ĉar li ĝuis ĉe la laboristoj kaj kamparanoj el la urbo kaj ĉirkaŭajo grandan popularecon. Ĉi tiu malgranda, korpulenta homo kun la mallarĝa pintobarbo kaj la kvietaj movoj de filozofo, kiun nenio povis jeti el la ekvilibro de spirito, jam en tempoj de paco donacis la plej grandan parton de siaj havajoj al la kamparanoj. Li kaj lia patrino estis ĉiam klopodintaj mildigi bezonon kaj mizeron, kie ili envizaĝis ilin.

Sed ĉi tio ne valoris, kiam en Oktobro de jaro 1917 nova, ĉi tiun fojon tre radikala ondo de teroro surondis tutan Ruslandon. En la hejmo de Panin aperis dek maristoj ĝisdente armitaj, deklaris lian posedajon konfiskita. Kaj nun Panin devis iri kun ili.

Sur la « Poligono » — tio estis la kazerna korto, sur kiu multaj miloj estis mortpafitaj en tiu tempo de teroro — ankaŭ Panin devus esti ekzekutota.

Panin, filozofo kiel ĉiam, akceptis ordonon pri akompano kun anima trankvileco, kiu eĉ impresis la maristojn. Tre afable, kiel se li parolus kun bonaj amikoj, li petis permeson diri ankoraŭ adiaŭ al siaj bestoj. Lia stoika trankvileco kaj ĉi tiu stranga peto surprizis la maristojn kaj ankaŭ ŝajnis sufoki la koleron, kun kiu ili sin estis jetintaj en la domon. Ili plenumis lian deziron, pasis tiam kun Panin preter liaj servistoj, kiuj ne kuraĝis plendi la sorton de sia mastro pro timo esti devigitaj partopreni en lia destino.

Ili venis al la malgranda «Zoo».

La aspekto de la multaj fremdaj homoj, la nekutima bruo, la nekonataj voĉoj, la paŝo de la pezaj botoj, la tuboj de la pafiloj briletantaj en la suno, igis la bestojn incititaj kaj malkvietaj. Nur Jambo restis kvieta, tiel kvieta kiel sia mastro. Ĝi tute ne rigardis al la uzurpuloj, rigardis nur neŝanceleble al sia mastro, kiu nun malrapide alproksimiĝis kaj nur diris malmultajn parolojn al ĝi: «Fartu bone, Jambo!».

Jambo rampis el la akvo, puŝiĝis peze kaj mallerte kontraŭ sia mastro kaj tiam kuŝiĝis senmove antaŭ li, kiu do gratis ĝin inter la okuloj. La maristoj vidis tiun spektaklon kun miro, kiu igis ilin mutaj. Fine la ĉefo diris per voĉo, kiu jam ne estis tiel bruta: « Ni iru! ».

Alkuris nun Stefano al la loko: « Kamarado, se ci pafmortigos nian mastron, do ankaŭ la krokodilo mortos. Ĝi ne manĝas, se alia ol nia mastro volas manĝigi ĝin. Kredu min, kamarado, tia krokodilo estas io rara. Kaj io multvalora por la scienco. Ĉiujn insektojn ĝi manĝas. Kaj neniuj pestoj haviĝas, ĉar la krokodilo havas fortan odoron, kiu helpas la sanon kaj forprenas la pestojn ».

Ĉu la maristoj kredis lin, estas dubinde. Ĉiuokaze ekvekiĝis en ili la inklino al ludo, kiu estas tiel forte enfundigita en la naiva naturo de la simpla ruso. Ĉiu el ili provis manĝigi la krokodilon. Unu havis viandon, alia panon, tria kukon.

Jambo ne reagis en la plej malgranda maniero ĉe tiuj provoj. Ĝi nur ĉiam rigardadis denove al sia mastro. Sed kiam ĉi tiu kliniĝis, levis la viandon, la kukon, la panon, ankaŭ Jambo levis sian kapon kaj atente rigardis mastron Panin. Kaj ĝi ŝajnis aŭskulti la amplenajn vortojn, kiujn nun parolis Panin al ĝi. Estis paroloj, en kiuj estis entenataj la ĉagreno pri la disiĝo.

Panin donis al Jambo unu delikatajon post alia. Jambo, kvankam maldiligente, tamen avide lasis sin enbuŝigi ĉion kaj englutis ĉion kun spirego, el kiu evidenta kontento sonis.

Do diris unu el la maristoj: « Jen, kaj nun metu cian manon en ĝian buŝegon! Ĉu ni fidas ĉin pri far' de tio? »

Panin forte ekkaptis per ambaŭ manoj la kun fortegaj dentoj armitajn makzelojn, distiris ilin kaj ŝovis tiam unu manon en la buŝegon. Jambo fermis siajn okulojn, restis senmova kaj estus daŭriĝinta en ĉi tiu stato, se pri ĝi horoj estus pasintaj.

La maristoj komencis ridi. Unu el ili diris: « La krokodilo, devas vivadi. Alie neeblas! » Li turnis sin al la ĉefo dirante: « Andreo, neeblas pafmortigi lin, se la krokodilo prenas manĝajon nur de li ». Sed Andreo estis malfida. Li faris signon al servisto kaj ordonis lin kunigi la tutan servistaron de la domo. Unu post la alia devis prezenti sin kaj provi manĝigi la krokodilon. Sed neniu el ili sukcesis esti konsiderata de Jambo.

Andreo diris: Ĝi rigardas kiel homo, kaj tamen ĝi estas nura krokodilo kaj li turnis sin al Panin: « Ĉar ni bezonas iun, kiu konservas la vivon de la krokodilo kaj ĉar gravas, ke la krokodilo vivu por ekstermo de pestoj, kio ja estas grava afero por la proletariaro, mi cin eknomas laŭ komisio de la proletariaro, krokodil-komisaro ».

Li skribis slipon, metis la stampilon sur ĝin kaj ankoraŭ je la sama tago parade sur la pordo de la domo estis fiksita afiŝo kun jenaj vortoj:

« Ĝi tie troviĝas, en ĉi tiu domo »
« la krokodil-komisaro »

La plej malicaj teror-ondoj pasis. Aliaj konfidenculoj de la Soveto alvenis. Oni konis Panin'on kaj al li donis oficon laŭ ties konoj kaj meritoj. Jambo estas vere ne plu la protektanto de Panin, sed mi ricevis sciigon antaŭ kelkaj monatoj, ke ne nur Jambo, sed ankaŭ ĝia mastro ĝuas la plej dezirindan bonstaton.

Sed la titolon « krokodil-komisaro » Panin konservas ankoraŭ hodiaŭ — kaj kun fiereco.

Trad. E. A.

## Rapida Fablo

Edz, flirtema, sen honesto.
Dum maten' post edziĝfesto.
L' inon frapis ĝis ŝi mortas.

Moralo:
Bonkonsilon nokt' alportas.

— El la franca: G. S.

Noto: Tiaj ekspres-fabloj iam amuzis aŭdantaron de kabaredoj; ĉi tiu, dirita ĉe « Chat Noir » (Nigra Kato), estas verŝajne de Alex. Pothey.

# El franca poezio

## Epifanio

*José-Maria de Heredia.*

*Do Baltazar', Gaspar', Melkior', la tri' da reĝoj,*

*Ŝarĝataj per arĝentaj, emajlaj, orjuveloj,*
*Sekvataj karavane de aro da kameloj,*
*Alvenas tiaj, kiaj en oldaj libro-preĝoj.*

*De fora oriento alportas pi-aprobojn*
*Omaĝe al Difilo, naskita por kuraco*
*Al suferantaj homoj aŭ best' de ĉiu raso;*
*Paĝio nigra tenas la florajn pompajn robojn.*

*Ĉe sojl' de l' stalo, kie maldormas Sankt-Josef',*
*Sen kronoj ili klinas humile antaŭ ĉef':*
*Ĉi ido nun montranta naivan ridadmiron.*

*Do tiel, kiam regis Aŭgusto la Cezar',*
*Alvenis prezentante incenson, oron, mirhon,*
*La reĝoj tri: Gaspar', Melkior', kaj Baltazar'.*

*El la franca: G. S.*

## Konsolo

*Verlaine.*

*Min frapis sorto de perfido,*
*Dolora, ŝanceliga; kore*
*Fariĝis manoj viaj, gvido.*

*Ĉe pala horizonto, fore,*
*Lumetis feble or, matena;*
*Rigardis vi al mi, aŭrore.*

*Nur donis bru' de paŝo trema*
*Kuraĝon, dum la vojaĝiro;*
*« Nu, marŝu », diris voĉ'serena.*

*Kun timo, plendo kaj sopiro,*
*Solece ploris mi sur vojo;*
*De l' amo venka, la inspiro*

*Kunigis nin per daŭra ĝojo!*

*El la franca: G. S.*

## Nevermore

*Verlaine.*

*Memoro? Rememoro? Vanajo! Blov' aŭtuna*
*Flugpelis turdojn tra la aero senresona*
*Kaj brilis sub la suna radio monotona.*
*Arbaro flaviĝanta ĉe bizo varisona.*

*Ni estis sol' ĉe solo kaj paŝis kunrevante,*
*Ŝi kaj mi, vento harojn kaj pensojn dislevante;*
*Subite, ŝi, kortuŝan rigardon almovante:*
*« Plejbelan kiun tagon ekhavis vi vivante? »*

*Ekdiris ŝia voĉo, orsona, dolĉanĝela,*
*Respondis nur diskrete rideto mia hela,*
*Kaj blankan manon ŝian mi kisis religie.*

*Ho! kiel floroj fruaj odoras delikate;*
*Kaj kiel ĉarme flustras kaj murmuretas dic*
*L' unua « jes » sur lipoj amataj aŭskultate!*

*El la franca: G. S.*

# Esperantista Interhelpo

## — Servo de UEA —

*Peto 12*

Senŝtatano, pol-juda, en Vieno, ĵurnalisto 38 aĝa, jura doktoro, devas forlasi Germanujon je fino de la jaro. Petegas helpon por eniri — eĉ nur provizore — alian landon. Laboris dum 22 jaroj por Esperanto. Detalojn per la Esperantista Interhelpo de UEA.

*Peto 13*

Du junaj sanaj intelektuloj, parolantaj germanan kaj Esperanton serĉas laboron por printempo 1939 en Skandinavaj landoj, kiel ĝardenistoj, terkulturistoj.

Unu, militrezistanto, ĉe terkulturisto. La alia, eksverkisto, havante 5 jaran pasporton germanan, volas lerni ĝardenlaboron, deziras komence nur loĝejon kaj nutradon, eble donos pli poste hipotekon.

Proponojn oni sendu sub la vorto Triglav, al la Esperantista Interhelpo, Genève.

*Peto 14*

Kuracisto aŭstria, 62 jara, judo, laborkapabla, sana, kun edzino, serĉas rifuĝon en transmara lando, kie ili povus labori por vivtenadi sin ; preferas Aŭstralion. Scipovas ĉiujn branĉojn de la kuracista profesio, ankaŭ la dentistan. Scias krom la germana Esperanton kaj sufiĉe anglan lingvojn ; la edzino parolas sufiĉe angle kaj france. Politike sen riproĉo, ricevos regulajn paperojn.

# La voĉo de l'protesto

Vilno, en decembro 1938.

**Al la Tutmonda Esperantistaro**

Konsiderinte, ke la konstantaj nunaj barbaraj kaj glaciigantaj la sangon atakoj kaj pogromoj en Germanujo estas direktataj kontraŭ popolo, kies nura peko konsistas en tio, ke ĝi estas popolo juda,

konsiderinte, ke la plej sanktaj homaj rajtoj estas per tio je hontega maniero piedpremataj kaj ke la idealoj de homamo kaj interpopola frateco elmokataj.

konsiderinte, ke la kreinto de Esperanto — D-ro L. L. ZAMENHOF — filo de juda gento, bataladis per la tuta forto de sia genia individueco por fratigo de ĉiuj popoloj sur bazo de neŭtrala lingva fundamento, —

la VILNA ESPERANTISTA SOCIETO « UNIVERSO »,

vidalvide al la nunaj teruraj kaj brutalaj persekutadoj kontraŭ judoj en Germanlando, kiam niaj koroj sangadas kune kun ili kaj kiam niaj animoj estas plenplenaj je funebro kaj indigno, —

decidis

en naskiĝtago de D-ro L. L. ZAMENHOF, la 15-an de decembro, kiu estas por ni la simbolo de harmonia kunvivo inter ĉiuj popoloj,

sin deteni ĉi-jare de iuj-ajn solenajoj,

esprimante tiamaniere sian plej akran proteston kontraŭ la profanado de homamaj sanktajoj.

Ni kredas, ke la tuta Esperantistaro (societoj, gazetaro kaj unuopuloj) ardege kunprotestos en la nomo de l'interna ideo de Esperanto kontraŭ la kruelaj kaj abomenaj persekutadoj de senkulpaj homoj.

VILNA ESPERANTISTA SOCIETO
« UNIVERSO ».

# Celo de l' Vivo !

de ANTONIO CAPPA

*Al fervorega samideano Hans Jakob kiu, preter ĉiuj diskutadoj, laboras senlace por la venko de Esperanto, dediĉas LA TRADUKINTO.*

« La celo de la vivo estas la amo... estas en la ammaniero ke montriĝas ĉies virteco; kiu amas fortege estas la plej forta, kiu amas daŭre la plej nobla; kiu amas trans la vivon lasinte ajojn amatajn tiu estas ĉiamvivulo... »

Neera.

*Homoj, vin amu! Tempo kiu for- [iras*
*igas nur nuna ĉia ĉitera beno,*
*kaj kunfondiĝas malkontenta ani- [mo*
*sen vera paco en kaduka peno.*

*Nur en la Amo estas la vera vojo,*
*la beno nur en la alterna vico*
*leviĝas de l' sorto kun doloro...*

*Kaj mortopenson nur ni povos [venki*
*kiam, ho fratoj, estos nia devizo*
*por amo, amadi.*

El itala esperantigis.
CORRADO CERRI



## Bibliografia Servo

*Peider Lansel :* La Retoromanĉoj. Tradukis G. Agricola. 20 p., 23,3×16 cm. — UEA, Eldona Servo, Genève. Prezo : 0.50 Fsv. (1938-32).

*L. N. Newell :* Bakŝiŝ. Noveloj el la vivo de egiptoj. 150 p., 19×13,5 cm. — Literatura Mondo, Budapest. Prezo : 0,72 Dolaro (1938-33).

*N. Bartelmess :* Vart-ejoj. Romano, 128 p., 17,5×12,5 cm. — Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. Prezo : 13 Fr. fr. (1938-34).

*Joël Thézard :* Ĉiaj ŝipoj. Vojaĝo sur Mediteraneo. 12 p., 16,5×12 cm. Kun desegnajoj. — Eldonis : Infanoj sur Tutmondo, Besse sur Issole, Var. Prezo : 3 Fr. fr. (1938-35).

# Romantiko

de MLADEN ISAEV.

*Ĉu iu nun malĝojos en ĉagren',*
*sub raŭka krako de l'aermotoroj,*
*ke en la viv' disbatis tute jen-*
*la romantikon ĉi-jarcent' senkora !*

*Sonoras kune kun motora kor'*
*la kant' gisfera de l' maŝinsirenoj,*
*kaj en la flam' de ĉi-tempesta hor'*
*ekbrilas kaj ekkantas la antenoj.*

*Trakuras libervole ira eter'*
*la flugrapida de Markoni ondo*
*kaj super la skuita vasta ter'*
*la spacon venkas ĝi en horisonto.*

*Eŭropon telegramsciigas ĝi*
*eĉ per inform' rapida pli ol ventoj,*
*El Amerik', Indio kaj Ĉini'*
*kaj el la lando granda de l' Sovetoj.*

*Kaj pulsas nun en telegramo ĉi*
*la kor' de bruligita alarmado :*
*en Orient', post vasta Siberi',*
*ekflamas jam milita kanonado.*

*Ĉu iu nun malĝojos en ĉagren',*
*pro la krakado de la tankmotoroj,*
*ke en la viv' disbatis tute jen-*
*la romantikon ĉi-jarcent' senkora !*

*Ne ! fremda estas tiu plend' por ni,*
*estonto kiam antaŭ ni fierestariĝas el fumanta incendi'*
*per sia granda nomo ja Libero !*

El la bulgara lingvo
tradukis AT. LAKOV.

*La Landa Federacio de la Hungaraj Inventistoj*

Ŝtate aprobita organizajo por defendi la inventistajn interesojn, jarkunvenis la 13-an de novembro en Budapest. Elektinte prezidanto la dukon Jozefo-Francisko kaj honora prezidanto la universitatan profesoron Alberto Szent-Györgyi, ĝi unuanime decidis apliki Esperanton en sia eksterlanda korespondado kaj iniciati la fondon de Unio de Esperantistaj Inventistoj en la tuta mondo. La organizan laboron ĝi komisiis al sia direktoro Stefano Balint kaj al sia ĉefsekretario por eksterlandaj aferoj, eldonisto de Literatura Mondo, s-ano Vilhelmo Bleier. Membroj de la Unio povas esti ĉiuj inventistoj, ĉiuj patentposedantoj kaj ĉiuj peristoj de patentoj. La celo de la Unio estas plifirmigi la defendo de la patentoj en la tuta mondo kaj ebligi, ke la inventistoj trovu utiligantojn de siaj patentoj kiel eble plej multe. La Landa Federacio de la Hungaraj Inventistoj jam tiucele ellaboris esperantlingvan liston de ĉiuj siaj inventajoj, kiujn la membroj posedas kaj disponigas ĝin al la organizantoj de la Unio.

Ĉiuj interesuloj en tiu fako povas skribi pri sia interesiĝo notante, kiu parto de la laboro de la Unio ilin interesas, al la ĉefsekretario s-ro Vilhelmo Bleier, PARIS-XVII, 1, Rue Brey, Francio.

La organizata Unio deziros plej intime kunlabori kun la jam ekzistantaj gravaj esperanto-organizajoj kaj pri tia interkonsento la esperantistoj estos informataj.

**SIGELMARKOJN kaj POŜTMARKOJN**

interŝanĝas kun la tuta mondo S-ano Giovanni Della Savia — UDINE (Italujo) — Via della Valle, 12.

**POŜTMARKOJ**

*Sankt Gallen* (Svislando) — S-ro Jakob Frischknecht, bankoficisto, Langgasse 87, dez. kor. kun samidean (in)o en Estonio por interŝanĝi PM.

**KORESPONDADO**

*Matanzas* (Kubo) — Sinjoro F. Fernandez, 24 de Febrero 17, korespondas nur kun seriozaj verkistoj.

**POŜTMARKOJN**

deziras interŝanĝi kun ĉiuj landoj: F-ino E. Jonassen, Norrlandsgatan 13-III, Stockholm, Svedujo.

**BILDPOŜTKARTOJN**

speciale de Aŭstrio, PM, poŝtstampojn kun Esperantoteksto serĉas, interŝanĝas: E. Anderegg-Chevalley, Horn, Thurgau, Svislando.

**POŜTMARKOJN**

interŝanĝas, kun Esperantistoj en Irlando kaj Naciisma Hispanio: C. Hildebrandt, Falltorstr. 3, Frankfurt-am-Main, Germanujo.

**FOTOJN EL NORDO**

kontraŭ 1 respondkupono por 2 ekz., diversaj ricevos ĉiu dezirantoj de: Ivan H. Krestanov, str. 6 Septemvri 2, Sofia, Bulgarujo.

**Ĝenerala korespondado**

*Caster* ĉe *Anseghem* (Belgujo) — S-ro Julien Algoet, elektristo, 24 jara, dez. kor. k. ĉ. l. Certe respondos.


**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de UEA**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 15/31 Decembro 1938